2me Année, No 23. Juillet 1904. | 2a Jaro, 23a Numero. Julio 1904. | 2e Jaar, Nr 23. Juli 1904.






GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL.

BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.


La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.
Nia jurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.
L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*
*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.




A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.
IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.
DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES — ESPERANTISCHE BLADEN.

**Lingvo Internacia**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**Societo por Internaciaj Rilatoj** (S. I. R.), fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*); avec l'organe de la Société (*met het orgaan der Maatschappij*) « **Lingvo Internacia** » fr. 6.00 par an (*6.00 fr. 's jaars*) Mr Paul Fruictier, 27, boulevard Arago, Paris.

**Literatura Biblioteko de Lingvo Internacia**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**Rondiranto**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Mr G. P. Oreŝkov, Plovdiv, Bulgarie & L. Cogen, 61 rue des Rémouleurs, Gand.

**La Holanda Pioniro**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Dreves Uitterdijk, Hilversum, Holland.

**Ĉesky Esperantista** (Bohem. Esp.), fr. 3.50 par an (*3.50 fr. 's jaars*) Mr Ĉejka, Th. Bystrice-Hostyn, Moravie-Autriche.

**L'Esperantista**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Grafo Albert Gallois, Riolunato, prov. de Modena, Italie.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga no 106a Lima, Pérou.

**Ĉilio Esperantista**, gratuit au Chili (*kosteloos in Chilië*) Mr Luis E. Sepulveda Cuadra, cas. 1989, Santiago, Chili.

**La Suno Hispana**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Aug. Jimenez Loira 5, Corona, Valencia, Espagne.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, 3, rue de l'Avenir, Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**Espero Katolika**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr.'s jaars*), M. Barbot-Berruer, 72, rue des Halles, Tours (France) & M. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantistische Mitteilungen**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). M. Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.

**Revuo Internacia de Stenografio**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Dreves Uitterdijk, Tulpstraat, 74, Hilversum (Holland).

**Revuo Universala**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), M. Emile Gasse, 71, rue Michelet, Le Havre (France).

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1904 (*3.00 fr. voor 1904*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**Munĥena Esperantisto**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*), L. E. Meier, Rumfordstrasse, 25, Munich.

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo, Esperantista Sekcio.** Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Sekretario Sro L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista. A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : Sro Ray. van Melckebeke; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj ĉiumarde je la 8 1/2 horo.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo : Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo.** Sidejo : Taverne St Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto Sro Edm. Vandieren. Sekretario Sro R. Dekeyser.
*Virina Sekcio* : Sekretariino, Frino Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo.** Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : Sro M. Seynaeve, sekretario : Sro R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo.** Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : Sro A. J. Witteryck, sekretario : Sro Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo.** Prezidanto : J. de Hemptinne, Sekretarioj : G. Sloutzky, rue Renoz, 10, Liége kaj R. Ficher.

**Esperantista Grupo en Meĥleno.** Prezidanto Sro L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Universitatoj Popolaj en Cureghem kaj Molenbeek (Bruselo).** Profesoro : Sro Vital Bické, avenue de Scheut, 62, Anderlecht-Bruxelles.

**Universitato Popola en St Gilles (Bruselo) Esperantista Sekcio.** Sidejo : rue du Fort, 80. St Gilles-Bruxelles. Profesoro : Sro Emile Chapelier.

| 2me Année, No 23. Juillet 1904. | 2a Jaro, 23a Numero. Julio 1904. | 2e Jaar, Nr 23. Juli 1904. |
|---|---|---|




| | JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT. |
|---|---|---|
| **PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL :** 2.50 fr. pour la Belgique ; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | **KOSTO DE LA JARA ABONO :** 2.50 fr. en Belgujo ; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | **JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS :** 2.50 fr. voor België ; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.


# El Ĥarbin.

Nia ĉefredaktoro ricevis la jenan leteron :

Ĥarbin, 30an aprilo-13an majo, 1904.

Kara frato, Sinjoro Jamin,

Vian leteron de 19a marto — 1a aprilo — mi ricevis jam tie-ĉi, en Ĥarbin, kien ĝi estis resendita el Port-Artur, ĉar de 2a aprilo mi estis elvokita el Port-Artur en Ĥarbin'on, kie la ĉefa inĝeniero de tie-ĉia fervojo proponis al mi la oficon de ĉefo de sekcio en la konstruado de fervoja linio de la stacio Ĥajĉen al la urbo Finhŭanĉen, apud la Korea limo.

Sed dank' al nova turno de militaj aferoj, la konstruado de ĉi-tiu linio nun ne povas efektiviĝi en tuta longeco, kaj tial mi devas atendi la finon de milito. Kiel ĉiuj Rusoj atendis kaj eĉ sciis, la komenco de la milito ne estis feliĉa por Rusoj ; la kaŭzoj estas tute klaraj : ni tute ne estis preparitaj al la milito, kaj Japanoj prepariĝadis al tiu-ĉi milito dume almenaŭ du lastaj jaroj. Kelkaj faktoj, jesigantaj tion-ĉi, elmontriĝis jam post la komenco de milito : la fervojaj militaj gardistoj kaptis en kelkaj punktoj de linio Japanajn spionojn, vestitajn en Ĥinan veston kaj havantajn jam naturajn Ĥinajn harligojn ; la longeco de harligoj montris la tempon de prepariĝo al la milito. Interalie antaŭ nelonge estis kaptitaj en Mongolujo, du Japanaj spionoj, vestitaj en Mongolan vestaĵon ; ili sincere konfesis pri sia intenco eksplodi ian fervojan ponton kaj ankaŭ konfesis, ke ili estis oficiroj : unu kolonelo kaj unu kapitano ; ambaŭ estis juĝitaj per Rusa milita juĝo kaj ambaŭ kondamnitaj al morto.

Ili ambaŭ sin tenis la tutan tempon antaŭ la juĝo kaj post la juĝo ĝis la lasta momento de morto plej korekte, kaj ekscitis en ĉiuj ĉirkaŭantaj plej koran simpation. Siavice ili multefoje esprimadis al Rusaj oficiroj siajn dankojn por bona, nobla rilato al ili, kaj ĉiam ili aldonadis, ke ili neniam atendis renkonti en Rusoj tion, kion ili vidas ; ili pensis, ke ĉiuj Rusoj estas sovaĝuloj, malĝentilaj kaj kruelaj homoj, kaj kontraŭe ili vidas senriproĉe korektan rilaton al ili kaj homojn afablajn kaj delikatajn. Ili havis kun ili ĉirkaŭ unu milo da jenoj (Japana monsigno preskaŭ egala al Rusa rublo) kaj antaŭ la morto, ili petis Rusojn preni tiun-ĉi monon por Rusa Ruĝa-Kruco, sed Rusoj rifuzis, dirinte, ke tiu-ĉi mono estos pli necesa por iliaj propraj familioj, sed ili denove petis preni la monon por Ruĝa-Kruco, alklariginte, ke iliaj familioj estos bone zorgitaj per Japana Imperiestro kaj tial ili tute ne bezonas ĉi-tiun sumon. Laŭ

la propono de Rusoj, ili skribis la leterojn al siaj familioj, kaj en tiuj-ĉi leteroj ili skribis pri sia deziro donaci suprediritan sumon al Rusa Ruĝa-Kruco, kiel signon de danko por homeman rilaton. Kiam la juĝistoj demandis ilin, ĉu ili sciis la specon de puno, kiu ilin atendis en la okazo, se ili estus kaptitaj, ili respondis, ke ili tute bone sciis, kio ilin atendis, t. e. la morto, kaj ili aldonis : se ni, Japanoj, kaptus Rusan spionon, ni ankaŭ devus lin mortigi, ĉar tion postulas ankaŭ niaj leĝoj, kiel ankaŭ la leĝoj de tuta civilizita mondo. Oni ilin dispafis (anstataŭ pendigi) kaj ili renkontis la morton tute trankvile kaj kuraĝe. Malgraŭ ilia deziro, estas decidite sendi ilian monon kune kun la leteroj al iliaj familioj.

Mi rakontis al Vi iom pli detale tiun-ĉi malgajan fakton, ĉar ĝi montras, kian malveran komprenaĵon la Japanoj entute havis pri la Rusoj. Ŝajnas al mi, ke parte en tiu-ĉi cirkonstanco kuŝas la kaŭzo mem de milito. El tradukoj de multaj Japanaj gazetoj mi scias, ke Japanaj popolo kaj societo prezentadis al si la Rusan militistaron en tre malbona stato; tie oni priskribis la Rusoj kiel mizerajn malbravulojn, ĉiam malsobregajn, tute malklerajn, nekapablajn al ia serioza afero kaj t. p.; mi eĉ legis tradukon de unu Japana kanteto, verkita de ia Japana oficiro tuj post la komenco de la milito; en tiu-ĉi kanteto la aŭtoro rekte demandas siajn sampatrujanojn : « Ĉu vi scias la popolon, kiu indas nur unu solan nomon : malbravuloj? » Kaj jen, ĉarmita per la loga pentraĵo de facila venko super timema, malkapabla kaj samtempe granda nacio, la Japana popolo komencis pli kaj pli persiste postuli la anoncon de milito al Rusujo. Fine tiuj-ĉi postuloj fariĝis tiel laŭtaj, tiel persistaj, tiel energiaj ke jam nenia sobra voĉo kuraĝis kontraŭdiri kaj la registaro devis kontentigi la postulon.

La milito komenciĝis per la atako de Japana militŝiparo kontraŭ niaj ŝipoj « Varjag » kaj malgranda « Korejec » starintaj en Ĉemulpo.

Tiu-ĉi unua batalo montris al la Japanoj, ke Rusoj estas tute ne tiel timemaj, kiel oni kutimigis ilin pensi en iliaj gazetoj. La saman tagon post tiu-ĉi batalo, dume la nokto, tri aŭ kvar Japanaj minportiloj alproksimiĝis al Rusa militŝiparo, staranta sur ekstera pelvo de Port-Artur kaj vundis per minoj du niajn plej grandajn kaj plej bonajn armaĵŝipojn « Cesareviĉ » kaj « Retvizan » kaj unu grandan kroziston « Pallada ». Tiaj perdoj tiom malfortigis nian militŝiparon, ke pli aŭ malpli seriozaj aktivaj aferoj por ĝi fariĝis preskaŭ jam neeblaj, aŭ almenaŭ treege riskaj. Efektive « Cesareviĉ », « Retvizan », « Pallada », « Varjag » kaj « Korejec » — kvar grandaj kaj unu malgranda militŝipoj povis formiĝi nur per si mem tutan ŝiparon, kaj ili estis elkondukitaj el militvico eĉ antaŭ la komenco de milito.

Post tiu perdo plej prudente por nia ŝiparo estus atendi la plibonigon de « Cesareviĉ », « Retvizan » kaj « Pallada » kaj la alvenon de helpanta ŝiparo el Rusujo kaj dume pasive malhelpi al la faroj de Japana ŝiparo. Kaj tiel ĝi agis ĝis la malfeliĉega pereo de nia armaĵŝipo « Petropavlovsk » kune kun brava admiralo Makarov. Dume la tempo de la komenco de milito ĝis lastaj tagoj la Japanoj havis multajn okazojn por konvinkiĝi, ke ilia rigardo sur la Rusojn, doninta al ili la kuraĝon anonci al la Rusujo la militon, estis tute malvera; kvankam tiuj-ĉi okazoj estis malfeliĉaj por Rusoj, sed sendepende de tio-ĉi, nur per si mem ili montris tiajn flankojn, tiajn trajtojn de Rusa soldato, tian grandecon de lia animo per kiuj povus fieriĝi ĉiu plej nobla homo.

Mi ne scias, ĉu Vi aŭdis ion pri la cirkonstancoj de pereo de rusa minportisto « Stereguŝĉij ». Kiam preskaŭ ĉiuj ŝipanoj kaj oficiroj de la tiu-ĉi minportisto estis jam mortigitaj per malamikaj pafilegoj, Japana minportisto alproksimiĝis al ĝi por preni ĝin per tirŝnurego; en tiu momento sur minportisto estis ankoraŭ vivaj ses ŝipanoj; kvar el ili sin kaŝis en malsupran parton de l' minportisto, fermis la pordon kaj neniaj petegoj de Japana oficiro ne povis elvoki ilin el ilia bonvola malliberejo. Tia agado estis neklarigebla ĝis tia momento, kiam la Japanoj rimarkis, ke kaptita minportisto subite komencis rapide trempiĝi en la akvon : okaziĝis, ke tiuj-ĉi du simplaj ŝipanoj, sin kaŝintaj en trumo (malsupra parto de l' ŝipo) malkovris la kilŝtopojn kaj intence tiamaniere dronigis sian ŝipeton por ne donaci ĝin al malamiko. Ĉu tia ago ne estas plej alta heroeco ? Oni devas nur prezenti al si pli reale la situacion de tiuj-ĉi du simplaj homoj, sidantaj en malluma malsupraĵo de l' ŝipo kaj per siaj manoj bonvole malkovrantaj la klapojn, tra kiuj malvarma, sala mara akvo kun bruo eniras en la ŝipon, plenigas la tutan spacon en kiu sidis tiuj-ĉi du homoj kaj dronigas la ŝipeton kune kun tiuj-ĉi du modestaj herooj.

Por pli inde taksi ilian agon, oni devas rimarki, ke ili tute neatendis, ke iu-ajn eksciu iam pri ilia faro kaj iliajn nomojn, ĉar ili estis lastaj, restintaj sur la ŝipeto, kaj ni eksciis pri ilia sindonema morto el Japanaj fontoj, el rakonto de unu Japana mara oficiro, vidinta per propraj okuloj la tutan historion kaj priskribinta ĝin en unu Japana ĵurnalo, el kiu ĝi estis transpresita en kelkajn Eŭropajn gazetojn.

Ne malpli multe tragedia estis la pereo de alia nia minportulo (minporta milita ŝipo) « Straŝnij », sur kiu ankaŭ estis ĉirkaŭmortigitaj aŭ elvunditaj tutaj ŝipanoj kaj fine restis nur unu leŭtenanto Malejev, kolosa grandegulo; li ne deziris kapitulaci eĉ tiam, kiam la pereo de minportulo fariĝis neevitebla kaj propramane daŭrigis pafi el pafilegoj en malamikon ĝis la momento, kiam Japana kuglego ĉesigis tiun-ĉi junan vivon kaj la ŝipeto ankaŭ komencis droni. Ĝuste en tiu momento aperis por helpo Rusa krozisto « Bajan » (en traduko « kantisto de antikvaj popolaj legendoj ») kaj li jam povis savi nur kvin vunditajn ŝipanojn — ŝipeto kune kun restaj ŝipanoj kaj kun leŭtenanto Malejev dronis.

La unua iom serioza batalo tera, estinta 18[a] aprilo-1[a] majo, ankaŭ ne estis feliĉa por ni, dank'al okaza malegaleco de niaj kaj malamikaj fortoj; de nia flanko partoprenis en la batalo sub Turenĉen apud la rivero Jalu du regimentoj, t. e. ses batalionoj de infanterio kaj du baterioj pafilegaj kaj unu kuglarjetanto; de la flanko de Japanoj estis ĉirkaŭ tridek batalionoj de infanterio kaj sep baterioj pafilegaj.

Vi kredeble jam scias la rezultatojn : unu nia regimento, nome 11[a], estis tute disbatita kaj alia ankaŭ multe eksuferis; entute ni perdis dume tiu-ĉi batalo ĉirkaŭ 2500 homojn mortigitajn kaj vunditajn kaj 22 pafilegojn; la lastaj estis forlasitaj, ĉar ĉiuj

ĉevaloj estis mortigitaj; la soldatoj mem penadis eltiri la pafilegojn propramane, sed tio-ĉi elmontriĝis neebla kaj nur vane pereis multaj vivoj : la pafilegoj estis dense ĉirkaŭitaj per malvivaj korpoj de soldatoj, penintaj ilin eltiri. Tri fojojn la regimento iradis en atakon « per bajonetoj », sed ĉiun fojon la Japanoj ne prenadis bajonetan atakon, kaj rapide forkuradis malantaŭen al siaj rezervoj, kiuj rekontadis niajn atakantojn per fortaj pafaroj.

Interese estas tio, ke kiam post niaj du bajonetaj atakoj la komandanto de l' regimento estis mortigita kaj ĉiuj aliaj oficiroj estis ankaŭ aŭ mortigitaj aŭ vunditaj, elpaŝis antaŭen la regimenta pastro kaj kun kruco en la manoj, ekkondukis la restaĵon de regimento en trian bajonetan atakon kaj baldaŭ li ankaŭ falis, vundita per du kugloj; la soldatoj levis lin kaj elportis sur la manoj kaj tiun-ĉi fojon ili trabatiĝis per bajonetoj tra l' malamiko kaj savis la regimentan standardon.

Tia malgaja rezultato estis la sekvo de okaza eraro de unu el komandantoj, ordoninta al 22ª regimento, kovrinta la trairon en maldekstra flugilo de nia militistaro, foriri malantaŭen.

Tio-ĉi estis farita du aŭ tri tagoj antaŭ la batalo ; la regimento foriris je 60 kilometroj kaj la trairo restis libera Tiun-ĉi cirkonstancon tre bone kaj saĝe uzis Japanoj kaj per tiu-ĉi trairo ili ĉirkaŭis niajn du regimentojn per grandaj fortoj kaj komencis ilin dispafadi de ĉiuj flankoj. La artileriaj ĉevaloj kaŝitaj malantaŭe de niaj fortoj trafis ankaŭ en la rondon, formitan per Japanoj kaj la lastaj mortigis ilin ĉiujn per pafila fajro kaj tial niaj baterioj restis sen ĉevaloj kaj la pafilegoj ne povis esti savitaj. Tamen antaŭ ilin forlasi, niaj artileristoj ekrompis iliajn serurojn, t. e. tute ilin maltaŭgigis.

Japana komandanto, raportinte pri tiu-ĉi batalo, diris pri Rusoj : « La malamiko aperigis furiozan kontraŭstaron kaj kuraĝe batiĝis ĝis la fino ». Mi nescias kian opinion pri la Rusa militistaro havis antaŭ la milito tiu-ĉi komandanto, sed la popolo Japana, havinta ĝis la milito pri la militaj ecoj de Rusa soldato dank' al artikoloj de siaj gazetoj tre malbonan opinion, devos tre baldaŭ ĝin ŝanĝi, kaj tial la Japanujo komprenos, ke ĝi prenis sur sin la problemon nelaŭfortan, kaj ĝi ploros, sed estos jam malfrue. Povas esti ke ankoraŭ du, aŭ eĉ tri monatojn la Japanoj havados partajn sukcesojn, sed la fino estos por ili malfeliĉega, plorinda..... — Tute ne kun ĝojo mi diras tiujn-ĉi vortojn. Kontraŭe, mi rigardas entute tiun-ĉi militon per tre malgajaj okuloj, kaj se la sorto de milito dependus nur de mia deziro, mi ĝin haltiĝus tuj. Sed, bedaŭrinde, nun neniu povas haltigi tiun-ĉi teruran homomortigan tragedion, kaj mi ne povas ne pensi pri ĝiaj rezultatoj. Kaj tiuj-ĉi rezultatoj estos, kiel mi jam diris, tre malgajaj por la Japanujo : ĝi estos plene disbatita sur la kampo de batalo kaj ĝia hejma regna bonstato estos ruinigita por longa tempo.

Se Vi interesiĝas scii, kial mi tiel decide kaj sendube parolas pri la demando, kiu ankoraŭ ne estas solvita, sur kiaj faktoj mi fondas mian opinion en formo tiel decidema, mi respondos al Vi tiel : elkalkulu la ekzistantan kvanton de Rusaj soldatoj kaj de Japanaj, elkalkulu eblan kvanton de soldatoj en ambaŭ nacioj, elkalkulu la monajn rimedojn de ambaŭ nacioj kaj fine enrigardu en la animojn kaj korojn de ĉiuj Rusaj militistoj kaj ĉiuj aliaj Rusaj regnanoj, kaj Vi komprenos kaj ekvidos klare kia devas esti la fino de tiu-ĉi milito. Mi memoras la militon Rusaturkan, kaj mi vidas ke patriota humoro de tuta Rusujo nun estas almenaŭ trioble pli forta kaj alta ol estis tiam.

Estas facile ĉi-tion kompreni. Tiam la Rusa popolo mem ne estis ofendita per la kaŭzoj de milito ; tiam la militon anoncis la Rusujo mem, kaj anoncis ĝin ne pro senpera ofendo al ni de la flanko de Turkujo, sed nur kun la celo defendi fratan popolon.

Tia kaŭzo ne enhavis en si ion senpere ofendan por la Rusujo.

Tute alia situacio estas nun. La milito estis anoncita al ni kaj komencita per Japanujo kontraŭ la deziro de nia registraro; ni ĉiuj sciis bone, ke nia imperiestro estis tute preta fari ĉiujn cedojn, postulitajn de Japanujo kun la celo eviti la militon, sed Japanoj ne deziris eĉ elatendi la ricevon de respondo de nia registraro kaj subite ĉesis la rilatojn.

Tia ago profunde ofendis kaj ekkolerigis tutan Rusan nacion kaj donis tial al la milito la signifon de demando de honoro de tuta nacio. Nun neniu Ruso demandas sin, ĉu estas por ni bone aŭ nebone militi kun Japanujo, sed ĉiu scias ke oni devas militi kaj neniu Ruso, permesos ke Rusujo estu venkita.

Mi havis multajn okazojn paroli pri ĉi-tiu milito kun eĉ nerusaj Rusanoj, — Poloj, Tartaroj, — kaj ĉiuj flamas per la sama deziro : disbati, dispremi Japanujon ; kaj tia humoro estas la sekvo de ofendego, kiun Japanoj kaŭzis al Rusujo, ĉesinte maldelikate la rilatojn antaŭ, ol nia pacema Caro havis la tempon eldiri sian lastan vorton, kiu devus — ni tion-ĉi scias — kontentigi ĉiujn postulojn de Japanujo.

Ĉio tio-ĉi havas tian sekvon, ke nun militas ne « Rusujo » kun « Japanujo » — kiel du registraroj, — sed militas Rusa popolo kun Japana popolo, kaj, kiam militas inter si du popoloj, oni devas kompari ne kvanton kaj econ de iliaj militistaroj, sed nur la kvanton de ilia loĝantaro entute. Tial mi diras, ke la fino de tiu-ĉi milito estas tre malgaja por la Japanujo.

Ĝis nun Japanujo jam vidis la ecojn de Rusaj soldatoj — baldaŭ ĝi ekvidos ankaŭ iliajn kvantojn, kaj tiam ĝi komprenos, ke ĝi ekfaris grandan eraron, kaj prenis sur sin aferon tute nelaŭfortan.

—

Mi forgesis aldoni en mia artikoleto, ke la kvanto de mortigitaj Japanoj sub la Turenĉen, sciigita oficiale per Japana generalo Kuroki estas sendube nevera. Niaj vunditaj soldatoj kaj oficiroj, partoprenintaj en tiu-ĉi batalo, ĉiuj rakontas egale, ke sur multaj punktoj de batala kampo, de kiuj Japanoj komencadis la atakojn, kuŝadis tutaj remparoj, tutaj montoj de iliaj korpoj, vunditaj kaj mortigitaj. La niaj kalkulas la Japanajn perdojn en tiu-ĉi batalo neniel malpli multe ol 3.000-4.000 homojn.

Nia militistaro ĉiam daŭrigas alvenadi el Rusujo kaj nia komandanto intencas doni la decidan batalon nur tiam, kiam ni havos kontraŭ ĉiu Japana soldato 1 $^{1}/_{2}$ Rusojn.

N. KAZI-GIREJ.

# Tra la Mondo Esperantista.

La agemo de la Germanaj Esperantistoj estas vere rimarkinda kaj la grandnombro da libroj kaj artikoloj pruvas ke tiu agemo estas ĉiutaga kaj persista. Inter la propagandaj folioj ricevitaj el Berlin'o, ni notu la folion « Für die Blinden » (por la blinduloj) ; niaj gelegantoj konstatos ke niaj Germanaj amikoj ne volis alveni estante la lastaj por la disvastigado de la lingvo ĉe tiuj malfeliĉuloj. La vortaro German-Esperanto, kiu aperis de kelkaj semajnoj, estas hodiaŭ plenigita per apero de la vortaro Esperanto-Germana de Sro Hermann Jürgensen.

Krom la propaganda broŝuro de Sro Borel kies tiolon oni trovos en nia speciala rubriko, ni ricevis broŝureton enhavantan la artikolon de Sro H. Knobel pri kiu ni jam raportis kaj Germana traduko de la libro de Dro L. Couturat : La langue internationale. Aldonu al tiuj propagandaj broŝuroj la artikolon de Sro H. Elbelt en la ĵurnalo « Tägliche Rundschau » (9 junio) el Berlino kaj tiun, kiun enhavas la revuo « Der Naturarzt » (no 6, Junio 1904). Fine la kuraĝa ĵurnalo « Esperantaj sciigoj » alportas al ni, ĉiumonate, la plej bonajn novajojn el Germanujo kaj nova kunfrato aperis el Munĥeno, kiun redaktas Sro L. E. Meier. Ni deziras bonvenon al la « Munĥena Esperantisto » kaj ni esperas ke li subtenos, alte kaj forte, la standardon de Esperanto en suda Germanujo.

La Viena Esperanta klubo kunvenos regule en la gastejo Brusatti, I. Schauflergasse, 6. La komitato estas : Prezidanto, Teodoro Helf ; vicprezidanto, Johano Schröder ; skribisto, Karlo Klein ; kasisto, Karlo F. Ahlgrimm kaj arĥivisto, Alberto J. Ostermeyer. La adreso estas :

« Esperanto-Klub, Wien, III. /2 (Aŭstrujo).

***

Niaj Francaj samideanoj, kiuj akiris jam belegajn rezultatojn, daŭrigas neĉesan propagandon. La grupo de Amiens organizis la 2an de Julio vesperkoncerton kaj paroladeton de Sro J. Delfour, la simpatia sekretario de la grupo. Dank' al tiu nelacebla propagandulo, Esperanto ricevis tre bonan akcepton en la urboj Abbeville kaj Péronne, kie kursoj estos baldaŭ fonditaj.

Ni rimarku ke, en Francujo, la ĉefaj oficistoj de la registaro kaj de la urboj, sin interesas al la paroladoj de niaj amikoj kaj apogas la Esperantan movon. En Belgujo, ni malofte renkontis eĉ ĝentilan akcepton sed ofte indiferentecon !

## A travers le monde Espérantiste.

L'activité des espérantistes allemands est vraiment remarquable et le grand nombre de livres et d'articles publiés prouve que cette activité est quotidienne et soutenue. Parmi les feuilles de propagande reçues de Berlin, notons la feuille « Pour les aveugles » ; nos lecteurs et lectrices constateront que nos amis allemands n'ont pas voulu arriver les derniers pour la diffusion de la langue internationale chez ces malheureux. Le dictionnaire Allemand-Esperanto qui a paru il y a quelques semaines est aujourd'hui complété par l'apparition du dictionnaire Esperanto-Allemand de M. H. Jürgensen. Outre la brochure de propagande de M. J. Borel, dont on trouvera le titre dans notre rubrique spéciale, nous avons reçu la brochure contenant l'article de M. H. Knobel dont nous avons déjà parlé, et la traduction allemande du livre du Dr L. Couturat : la Langue internationale. Ajoutez à ces brochures de propagande l'article de M. H. Elbelt dans le journal « Tägliche Rundschau » (9 juin) de Berlin et celui inséré dans la revue « Der Naturarzt » (juin 1904). Enfin le courageux journal « Esperantistische Mitteilungen » nous apporte, mensuellement, les meilleures nouvelles d'Allemagne et un nouveau confrère vient de paraître à Munich ; il est dirigé par M. L. E. Meier. Nous souhaitons la bienvenue à « Munĥena Esperantisto » et nous espérons qu'il soutiendra haut et ferme le drapeau de l'Esperanto dans l'Allemagne méridionale.

Le groupe espérantiste de Vienne se réunit régulièrement. On trouvera dans le texte ci-dessus les noms et adresse du comité.

***

Nos partisans français, qui déjà ont obtenu de magnifiques résultats, continuent une propagande incessante. Le groupe d'Amiens a organisé le 2 juillet un concert avec causerie de M. J. Delfour, son sympathique secrétaire. Grâce à cet inlassable propagateur, l'Esperanto a reçu un excellent accueil dans les villes d'Abbeville et de Péronne, où des cours seront bientôt fondés.

Remarquons qu'en France les autorités gouvernementales et municipales s'intéressent aux conférences de nos amis et appuient le mouvement Espérantiste. En Belgique nous ren-

## Dwars door de Esperantische wereld.

*De bedrijvigheid der Duitsche Esperantisten is waarlijk opmerkenswaardig en het groot getal uitgegeven boeken en artikelen bewijst dat deze bedrijvigheid dagelijksch en aanhoudend is. Melden wij onder de propagandabladen uit Berlijn ontvangen, het blad « Voor de blinden » ; onze lezers en lezeressen zullen bestatigen dat onze Duitsche vrienden het laatst niet willen opkomen ter uitbreiding van de wederlandsche taal bij deze ongelukkigen. Het Duitsch-Esperantisch woordenboek, dat over eenige weken verschenen is, is heden volledigd, door het verschijnen van het Esperantisch-Duitsch woordenboek van M. H. Jürgensen. Buiten de propagandabrochuur van M. J. Borel, waarvan men den titel onder onze bijzondere rubriek zal vinden, hebben wij de brochuur ontvangen, het artikel van M. H. Knobel bevattende, over hetwelk wij reeds gesproken hebben, en de Duitsche vertaling van het boek van Dr L. Couturat : « De wederlandsche taal ». Voeg bij deze propagandavlugschriften het artikel van M. H. Elbelt in het dagblad « Tägliche Rundschau », (9 Juni) van Berlijn en dit ingelascht in het tijdschrift : « Der Naturarzt » (Juni 1904). Eindelijk brengt ons het moedige dagblad « Esperantistische Mitteilungen », maandelijks het beste nieuws uit Duitschland en een nieuwe confrater komt te Munich te verschijnen ; hij is bestuurd door M. L. E. Meier. Wij heeten de* « Munĥena Esperantisto » *welkom en wij hopen dat hij hoog en kloek het vaandel van het Esperanto zal ophouden in Zuid-Duitschland.*

*De Esperantische groep van Weenen vergadert regelmatig. Men zal in den tekst hieronder de namen en het adres van het comiteit vinden.*

***

*Onze Fransche aanhangers, die reeds heerlijke uitslagen bekomen hebben, zetten eene onophoudelijke propaganda voort. De groep van Amiens heeft den 2 Juli een muziekfeest ingericht, met eene voordracht van M. J. Delfour, haren sympathieken geheimschrijver. Dank aan dezen onvermoeibaren verspreider heeft het Esperanto een uitmuntend onthaal genoten in de steden Abbeville en Peronne, waar weldra leergangen zullen ingericht worden.*

*Bemerken wij dat in Frankrijk de staats- en stadsoverheden belang stellen in de voordrachten van onze vrienden en de Esperantische beweging ondersteunen. In België ontmoeten wij nauwe-*

